I Jaro. VI Num. 1917 Junio.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



ARĤITEKTURISTO S-RO TRINIDAD SORIANO
Prezidanto de Andaluzia Federacio kaj Zamenhofano

# MALBONA SONĜO!

Gaje mi estis en kamparo luma
ornamita de multaj belaj floroj,
apud arbar' antikva tre malluma.

De l'floraro leviĝis la odoroj,
la venteto kuradis parfumriĉa,
plaĉis al mi diversaj la koloroj.

Estis ne tro da varmo, sed sufiĉa,
kaj sen tim' promenante kaj sen baro
mi troviĝis kontenta kaj feliĉa.

Al mi venis subite de l'arbaro
kelkaj bruetoj dolĉaj kaj similaj
al tiuj de l'ondetoj de la maro.

La foliaro kaj la floroj brilaj
tiel bele bruetis pro l'alveno
de bestoj tre diversaj, sed trankvilaj.

Ili kvazaŭ ridetis kun mieno
afabla kaj amika ŝajne vera,
kaj same la lion' kiel l'azeno.

Ilia am' al mi ŝajnis sincera,
kaj ili min invitis tre ĝentile
kune promeni tra l'arbar' mistera.

Ili parolis simple kaj humile,
kaj mi estis naiva kaj kredema,
kaj kunsentis tutkore kaj facile.

Ilia gaja ĝentilec' ekstrema
tiel altiris tuj mian atenton
ke ne kortuŝis min la vento ĝema,

kaj mi ne sentis malagrablan senton
kaj mi ne timis la misteran lokon
kaj mia kor' ne sentis malkontenton

kaj mi ne vidis la sarkasman mokon
de la tuta bestar' kiu minace,
kun multaj p i kiuj obeis vokon,

al mi sin turnis brave kaj malpace.
Mi poste jam ektimis kaj silentis
ĉar la bestar' ne marŝis tute pace;

mi la ĝemadon de la vento sentis
ŝajnis al mi l'arbaro tre danĝera
kaj mi je mia kredemeco pentis.

Min malestimis la bestar' fiera;
estis grandega bruo kaj tertremo,
kaj mi min trovis tute senespera.

Tiam el mia brust' eliris ĝemo;
la bestar' tuta tuj min atakegis,
kaj min sendefendigis la korpremo.

Nur la bestaj instinktoj ilin regis,
ve! terura bestaro malbenita!
Pro frapoj kaj mordegoj mi falegis

kaj restis mia korp' dispecigita.
El mia karno manĝis ĉiu besto...!
ĉiuj el mia karno sangtrempita!

kaj tre baldaŭ nur restis ia resto.
Sed tiam malpliiĝis la mallumo
kaj vestita de cindregriza vesto

fluganta en kvazaŭ nub' aŭ kvazaŭ fumo
en l'arbar' ekaperis ninfo bela
kiun tute ĉirkaŭis pala lumo

blua, tremanta kiel lumo stela.
Dolĉe ŝi min rigardis kun kompato,
kaj fariĝis la lum' iom pli hela.

Jen ŝi diris al mi: «malgaja frato,
kiun facile venkis bestoj tiaj,
puŝitaj de bruteco kaj malŝato;

la bestoj estas samtempanoj viaj
kiuj loĝas en tiu ĉi dezerto
kaj formanĝas la karnon de l'aliaj;

l'arbar' estas la Mond', kaj mi la Sperto.
Ha! vi estis naiva kaj sensperta
kaj tre malfrua, do, estas l'averto».

Mi vekiĝis kaj pensis: «estas certa
la parolad' malgaja de l'apero.
ĉar mi estis naiva kaj mallerta.

Tio kion mi sonĝis estas vero,
kaj ĉar la sonĝ' prezentis mian sorton,
kio restas al mi jam sen espero?
Al mi restas atendi mian morton!»

*Rafael de San Millán*

---

## Ni starigu monumenton al nia karega Majstro!

Unu el la hispanaj Federacioj esperantistaj, tiu, kies nomo estas tiu de nia plorata kaj neforgesebla Majstro, la Zamenhofa Federacio, kiu malgraŭ sia preskaŭ ĵusa fondo enhavas grandan nombrón da anoj kaj ĝia vivo estas progresa, estante raciaj motivoj por esperi, ke gia ago estos kronata de plej plena sukceso, ĵus publikigis per sia presorgano, la revuo HISPANA ESPERANTISTO, ellaŭdindan projekton: starigi sur unu el la placoj de la bela, de la ideala, de la kosmopolita, de la grandega Parizo, belegan monumenton al la rememero de tiu, kiu dum sia vivo estis la elpensinto de idiomo Esperanto. Kaj por la montrita celo diskonigas la aludita Asocio al la tuta esperantistaro sian proponon por, ke ĉiuj kaj ĉiu el la disciploj de la mortinta Majstro, povu, dank'

al malgranda monpeno, atesti sian aliĝon al Lia multemeritega bonfaro, sian dankemon pro la profitoj, kiujn de ĝi oni povas atingi kaj laste meritindan kaj neforigeblan memorigaĵon al Lia rememoro.

La montritan projekton estas tre kredeble aŭ pli bone dirite estas certe, ke oni efektivigos, do kunhelpos ĝin ĉiuj geesperantistoj kaj foje, kiam estos starigita la grandioza monumento, kiun oni proponas, tiuj, kiuj parolas Esperanton kaj iros Parizon, eble por okazigi la Kongreson, kiu estis okazonta dum jaro 1914.ª kaj kio ne estis ebla pro la deklaracio de la nuna milito, certege ili aliris, kiel altiritaj de magneto, respektege admiri la atestaĵon, kiun, kiel memorigaĵon al sia kara Majstro, Liaj partianoj estos starigintaj por ĉiamigi Lian rememoron, kaj kiam ili respekte demetos sian ĉapelon apud la piedestalo de tiu artaĵo, se iu, kiu ne estos esperantista nescias kiu estis la persono honorita kaj ĝi demandos tion al ili, ili povos al ĝi respondi: Li estis homo nekoninta la malamon nek la malbonon kaj por, ke neniu konu ilin, per sia bela lingvo Li volis forigi ilin el la koroj, kiuj ilin entenis; Li estis viro dezirinta nure veran pacon al ĉiuj popoloj konfidante atingi tion per sia logika idiomo por ke, kiel kora kaj amika ligilo, evitu ĝi malkonsentojn; Li estis estaĵo, kies plej granda frenezo estis, ke ĉiuj homoj estus kiel fratoj kaj ke ili interkomprenante unu la alian per Lia sprita kreaĵo malgraŭ paroli malsamajn lingvojn, ili sincere ami sin reciproke; Li estis persono, kiu nur deziris la bonon por la homaro kaj ĝian progreson kaj ke ĉiuj homoj pace povus interkomuniki siajn pensojn kaj ideojn dank' al Lia mireginda elpenso; Li estis klersaĝulo; Li estis privilegia talentulo; Li estis D-ro L. L. Zamenhof.

*Narciso Bofill*
Delegito de Zamenhofa Federacio.

# KULPIGITAJ KAJ PERSEKUTITAJ

## VI

Oni scias, ke je la duono de la XV.ª jarcento la morala karaktero de Eŭropo troviĝis sub regado de plej netolerema mistikismo, tiel, ke same reĝo, kiel plej humila kamparano aŭ vilaĝano, praktikis skrupule religiajn servojn, kaj alĝustigis sian vivmanieron kaj konduton laŭ pensmaniero kaj konsiloj de klerikuloj.

Dum tiu epoko, aperas precize la ciganoj sen religio, sen moralo, kun kutimoj kvazaŭ leĝaro agi libere laŭ postulo aŭ altrudo de viveirkonstancoj. Ci tion oni ne povis rimarki dum iom da tempo, ĉar la ciganaj bandoj starigis siajn tendarojn malproksime je urboj kaj vilaĵoj, en la centro de arbaroj, en riverbordoj kaj en la montaroj, lokoj en kiuj tiuj bandoj trovis vivrimedojn ĉu reproduktante ĉevalojn kaj azenojn, ĉu fabrikante malkarajn objektojn ferajn, ĉu korbojn, ĉu kestojn aŭ lignajn ŝuojn, kaj foje elĉerpante oron el sabloj de torento. Sed iom post iom oni povis rimarki ĝian strangan vivmanieron, ke la ciganoj praktikis libere seksajn interrilatojn, ke oni ne baptis idojn, ke ĝi ne havis kulton, ke ĝi neniam petis helpon al kristana religio ĉu por edziĝo aŭ enterigo, ke ĝi ne ĉeestis kristanajn diservojn kaj neniam enmetis almozon en la sako de petanta monaĥo.

La pastraro, kiu en tiu epoko posedis povegan influon, kiu estis sola por juĝi meritojn kaj liveri favorojn, sola por konsili kaj kuraĝigi spiritojn; kiu sola posedis sciadon por konsili, kaj bonfamon por esti kredata, rimarkis, ke la ciganino, per kaŝitaj artoj kaj misteraj frazoj komplezantaj precizajn dezirojn de la koro, fariĝis preskaŭ pastrino, kiun ĉiuj serĉis ĉie, kiun alvokis ĉiuj por havigi al si konsilojn el ŝi, dum la cigano atingis influon forĝante ferajn kuglojn por la Katolikaj Reĝoj dum la sieĝo de Granada, je 1491, same kiel por la episkopo Segismundo je 1496, kiam la turkoj invadis Hungarujon.

Tial okazis nepraĵo: multenombraj kulpigoj falis sur la ciganojn, ĉar ĝia konduto estis danĝera por konservi puran senton kristanan.

Sed kiaj kulpigoj! Ĉu doma besteto malaperis? La ciganoj rabis ĝin. Ĉu domo, ar-

baro, herbejo, bruliĝis? Ciganoj bruligis ĝin. Ĉu urbo suferis epidemion? Ciganoj estis la kaŭzo. Ĉu brutaro mortis pro infekta malsano? Ciganoj venenis bestotrinkejojn.

Juĝistoj procesis kaj kondamnis ciganojn eĉ certigis: ke ili estis spionoj, hommanĝantoj; ke ili interkonsentis kun la diablo, kaj malbenis Dion kaj Sanktulojn; ke ili praktikis ensorĉon kaj nigran magion; ke ili plezure kaj memvole konversaciis kun la diablo, kiu sin prezentis kvazaŭ noktobirko; ke... Ĉiajn absurdaĵojn de la Mezepoko oni atribuis al la ciganoj.

Ĉu ĝiaj kondamnantoj estis pravaj? Evidente ne; la ciganoj ne povis fari neeblajn krimojn.

La cigano povis, efektive, ŝteli, ĉu por defendi la vivon, ĉu pro la kutimo vivi komunisme; eble, ĝi bruliĝis pajlejon, herbejon aŭ kamparon, pro malsaĝeco, pro fajrero el siaj forĝejoj, eĉ iam pro reciproka venĝo... Eĉ ĝi povis fari ĉion farebla; sed, kiel ĝi interkonsentis kun la diablo kaj alparolis lin? kiel ili praktikis nigran magion kaj ensorĉis landanojn?... Kio estas ĉi tio? Ĉi tio estas kalumnioj pro la troa fervoro religia tiama. Tial oni persekutis terure la ciganon dum tri jarcentoj.

De la komenco de tiu persekutado oni malpermesis al ĉi tiu gento forĝi feron kaj kupron, fabriki hufoferaĵojn, kaldronojn kaj patojn, komercon je ĉevaloj kaj azenoj kaj loĝi en aŭ apud minejoj kaj bordoj de rivero enhavanta oron en ĝia fluejo.

La leĝo, do, devigis la ciganon morti aŭ ŝteli, tial ke ĝi ne povis praktiki libere siajn metiojn. Malamata kaj persekutata eĉ montranta per la haŭto la devenon, kion ĝi povis fari?

Pli malfrue, je 1499, la Katolikaj Reĝoj, per fama leĝo de ili subskribata en *Medina del Campo*, sub influo de l'Kardinalo *Cisneros*, ordonis: «de la laŭta diskonigado de la leĝo dum sesdek tagoj, ĉiuj ciganoj venu al la urboj kaj vilaĝoj; ili estu servistoj kaj mastroj donu al ili precizajn vivrimedojn; ciganoj ne vagu kune tra la regionoj, aŭ forlasu Hispanujon. Malobeantoj estu bastonfrapotaj kaj elpelotaj por ĉiam; kripligu orelojn de remalobeantoj, kiujn oni elpelu poste».

Kaj de tiam ĝis 1782-1783, kiam Jozefo II.ª de Germanujo kaj Karolo III.ª de Hispanujo subskribis leĝojn, favoraj je la cigana gento, ĉiuj eŭropaj monarĥoj ĝin persekutis senkompate kaj terure.

Ankoraŭ pli kruele sin kondutis Holandujo kaj Belgujo, devigante ciganojn forlasi la landojn, kaj mortigante kiujn post tri monatoj de la dato de la leĝo restis ankoraŭ en Holandujo kaj Belgujo.

Karolo I.ª de Hispanujo, je 1534, aldonis al la leĝo de siaj geavoj: «kiu kaptos vagadantan ciganon rajtas malliberigi ĝin dumvive eĉ sklavigi ĝin».

Poste Filipo III.ª de Hispanujo, okaze loĝanta en Lisbono, subskribis leĝon: «Ĉiuj ciganoj forlasos miajn regnojn dum ses monatoj de post la dato de ĉi tiu leĝo. Malobeantoj estos mortigotaj de la fino de la limtempo».

Io sama okazis en Francujo kaj Germanujo.

Oni tondis strange kaj ridinde la hararojn al ili, kripligis iliajn nazojn, bastonfrapis ilin, kaj tiel oni kondukis ilin en la landlimojn eĉ sangelfluantaj; sed ili, malfeliĉaj, kien iri?

Fine, je 1561 kaj 1562, ordonis ekstermi fere kaj fajre la ciganojn.

Oni elpelis ĉi tiun malfeliĉan genton el Anglujo dum la regado de Henriko VIII.ª kaj lia filino, la reĝino Isabelo.

El Polujo, Papaj Ŝtatoj, Danujo, Svedujo, Venecia Respubliko, Parmo, Milano kaj... el la tuta Eŭropo, oni devigis ilin eliri.

Justaj aŭ maljustaj la agoj faritaj kontraŭ la cigana gento, ĉiam aperas kruelega la konkludo: ne difini al ĉi tiu gento precizan regionon, landon por ĝia restado; persekuti ĝin samtempe ĉie; ne faciligi al ĝi rimedojn por marveturi al aliaj gastemaj landoj.



# PRI LA FLORAJ LUDOJ KAJ ĜIA DEVENO

I

Ĉiam kaj ĉie oni kutimis respekti la talenton de l'similuloj kiel eble plej solene, kaj iam eĉ oni adoris sciulon kaj metis ĝin sur altaron, diigante homojn. Biblio prezentas al ni multajn ekzemplojn pri ĉi tio, kaj Mitologio estas plena je dioj kiuj estis iam simplaj mortontoj, altrangigitaj tiel pro ilia sciado, ĉar idolanoj adoris homojn kies genio estis rimarkinda kaj venerinda, tial oni diigis sciulojn per Apoteozo. Tial oni diigis *Homero'n*, *Minos'n*, *Solon'n* kaj aliajn multajn sciulojn. Egiptoj kaj Hebreoj, kiuj estis la unuaj popoloj civilizitaj kaj el la plej antikvaj, premiis sciadon kiel eble plej honore, diiginte sian monarĥon *Osiris'*, la unuaj; kaj adorinte poeton *David'*, la duaj, Tamen, kie oni trovas entuziasmon kvazaŭ frenezeco por sciuloj, estas ĉe Grekujo, en ĉi tiu lando rimarkinda, lulilo de sciencoj, artoj kaj literaturo. Kutimigitaj la grekoj, de la infaneco, admiri kaj koni ĉiajn belaĵojn, lerni parkere dirojn kaj sentencojn de poetoj kaj sciuloj, kutimis de infanoj senti la belecon kaj koni la bonecon de la sciado. La verkoj de la dia *Homero* estis la kateĥismo kiun oni lernis en la lernejoj kaj oni nomis ignorulo tiun, kiu ne pravigis siajn antaŭdirojn, dirojn kaj sentencojn per tekstoj de la bonega poeto. Popolo tiel civilizita bezonis kulton tiel eksterordinara por la beletristiko, kiel eksterordinara estis ĝia emo por la instruado: tial, imitante la unuan establon beletristikan, kiun oni konis en la mondo, kiu estis la Muzeo kiun ordonis konstrui en *Alejandría* la beletristikisto *Tolomeo Filadelfo*, reĝo de Egiptujo, pro konsilo de la sciulo *Demetrio Falerio*, Muzeo dotita de la reĝo per gravaj rentoj de la ŝtata trezoro, oni establis tiun de Atenas. La tombo de la fama poeto *Museo*, en kiu oni starigis altarojn por la muzoj, estis la loko elektita por konstrui la unuan establon beletristikan de la grekoj. En ĉi tiu templo de la muzoj kunvenis sciuloj, poetoj kaj filozofoj kaj dum agrablaj kunvenoj diktis leĝojn pri bonstilo kaj verkis bonajn modelojn pri ĉio. Same kiel en la Muzeo de Alejandria, la toleremeco pri opinioj estis preskaŭ dogmo, kaj tial oni povis elmontri tute libere ĉiajn opiniojn kaj estis rimarkinda kaj sukcesa la progreso. Sed sola Muzeo ne sufiĉis por la granda nombro da sciuloj, kiujn produktis la unua, kaj estis necese multobligi ilin ĉie.

Poste oni starigis en Grekujo *Ateneojn*, devenitaj de la festoj *Ateneas*, kiujn fondis *Eritreo IV.*ª, reĝo de *Atenas*, kaj en la amfiteatroj legis kaj deklamis la poetoj siajn teatraĵojn, kiel diras *Lampridio*, *Sidonio* kaj *Apolinar;* poste, la *Ecsedra'*jn de la gimnazioj, beletristika lernejo subtenita de la publika trezoro; poste, la akademiojn en kiuj brilis la dia *Platon*, *Sócrates*, *Arcesilao* kaj *Carneades*, famaj filozofoj kiuj meritis lokon honoran en la tombejo de la sciuloj, kiun oni starigis en la akademio de *Atenas* mem. La Liceoj, dediĉitaj al *Apolo*, kiujn fondis *Pisistrato* kaj progresigis *Pericles* kaj *Licurgo*, filo de *Licofron*, daŭrigis en Grekujo asociemon, kaj en tiu de *Atenas*, la fama *Aristóteles* aŭdigis sian voĉon dian dum siaj instruantaj promenadoj tra la foliplenaj aleoj de la liceo. Ankaŭ oni starigis en *Atenas*, faman teatron, *Odeum*, en kiu kunvenis muzikistoj kaj poetoj, laŭ skribis *Snidas;* kaj en ĝi, antaŭ multenombra ĉeestantaro, poetoj legis kaj muzikistoj ludis siajn poemojn, kantojn kaj ĥorojn, kiujn oni devis ludi en la teatro; tiel oni povas konstati, ke ĉi tiu ĉeestantaro estis kvazaŭ cenzuranta komitato pri teatraĵoj ludontaj por la publiko. En ĉi tiu *Odeum*, oni devigis improvizi al poetoj kaj muzikistoj aspirantaj aparteni al la asocio, publika voĉdonado decidis akcepton. Aliajn multajn establojn malpli gravaj havis la grekoj por progresigi la literaturon, muzikon kaj filozofion, kaj ĝenerale ĉiajn sciencojn, kaj por kuraĝigi kaj premii poetojn, muzikistojn, filozofojn kaj sciulojn. Oni faris ĉi tion pli solene dum ludoj *Olimpicos*, *Pythicos*, *Nemeos* kaj *Isthinicos*, ĉefaj ludoj de la grekoj. Dum la *Pythicos*, por festi

*Apolon*, kantis himnojn la verkistoj mem je la takto de liro kaj citro, kaj gajnanto ricevis, kiel premion, grandan glason je tri piedoj alta kun la nomo de la gajnanto gravurita, kaj poste oni pendigis ĉi tiun glason en la templo de la festita dio. Preskaŭ en ĉiuj grekaj urboj estis konkuroj dum kiuj oni premiis genion de konkurantoj, precipe en *Samos* dum ludoj dediĉitaj al *Juno;* en *Ithona* kaj *Adion* dum festoj al *Jupitero;* en *Epidauro* dum festoj je *Esculapio;* en *Tebas*, *Argos*, *Patras*, *Sicyona* kaj *Olimpia*, urboj kiuj havis lernejojn en kiuj praktikis ĉiuj kiuj deziris partopreni literaturajn ludojn.

Printempo estas el sezonoj tiu de la floroj, la plej bela kaj poeta, tial ĉiam floroj okazigis festojn, ludojn, en kiuj elmontriĝis inspiro de poetoj. Festoj *Dionisiacas* aŭ de *Baco* en *Atenas*, okazis dum Aprilo kun ludoj en kiuj oni premiis poeton verkantan plibonan himnon per krono el verdaj branĉoj de vinberarbeto. Same dum flora festo, kiel dum *Anthesterias* festoj aŭ festoj de bareloj, pokaloj kaj kruĉoj, kiel dum *Panatheneas*, ankaŭ dediĉitaj al dio de la vinberarbeto, komikaj kaj tragikaj aktoroj kun poetoj konkuris antaŭ tribunalo, starigata de la ŝtato, kiu juĝis meriton de iliaj verkoj, kaj tute solene ludis teatraĵon premiitan, pagante elspezojn la ŝtato. Oni povas konkludi, ke same kiel Grekujo estis patrujo de artoj kaj sciencoj ankaŭ estis de beletristiko.



# LA MILITO

Ĉar kiam la popoloj dum multe da tempo supermetas la pasion super la justeco, fine ili donas al pasio la atributojn de la justeco, la forto formis sian leĝaron kaj eĉ sian specialan vortaron kie la vortoj ne havas sian komunan sencon.

Oni nomas *embuski*, atendi perfide la malamikon; kaj detrui ĝin per neatendita atako, *surprizi;* proprigi al si perforte tion nesian, *vivi sur la lando*, *provizi al bezonoj de la armeo;* altrudi perforte tion, kion konscienco kaj honoro rifuzas, *apliki la militan leĝon; bombardi urbon* estas oferi sen propra danĝero la sendefendajn loĝantojn; kaj *blokusi ĝin* estas mortigi ilin per malsato; buĉi tiujn, kiuj ne sin defendas kaj forkuras, estas *persekuti la forkurantojn;* prepari maŝinojn kaj ilojn per kiuj unu viro senriske oferas perfide centojn da homoj estas *eksplodigi minon* aŭ *eksplodigi torpedon;* unuvorte, la sangmakulatan teron, sur kiu oni faras tiom da malhonoraĵoj, oni nomas *kampo de l'honoro.*

La leĝoj de l'batalo malakceptas iajn personojn kaj permesas aliajn tiel malbonaj aŭ pli malbonaj ankoraŭ. Se oni proponus al Generalo venenigi la manĝaĵon de l'malamiko li rifuzus indigne la proponon. Kial? Kia diferenco estas mortigi viron per substanco enmetita en lia stomako aŭ per substanco eksplodota kiu enterigos lin aŭ subakvigos lin?... Tiuj militistoj, kun siaj helaj uniformoj kaj luksa sekvantaro indignus se oni nomus ilin *venenigistoj*. Stranga ofendiĝemo! Ĉu ili ne estas *entombigistoj* per la mino kaj *buĉistoj* per la torpedo? Sendube la konscienca voĉo aŭdiĝas tra la silento de la prusa acido, sed ne tra la bruo de la pulvo kaj la dinamito.

*Concepción Arenal*

El la verko *Derechos de gentes* (Rajtoj de homoj). Trad. F. R.

# LA PAROLADEMO

Paroli multe estas frenezaĵo kaj oftega parolo estas vanta parolo. Se vi parolas multe, certe vi pekas sufiĉe; la akvoj de rivero, kiu elbordiĝas, fluas tro malpuraj. Vanta parolo atestas vantan konsciencon. Oni devas propravole silenti, evitante nenecesajn parolojn, ĉar ĉarlataneco mortigas entuziasmon kaj naskas disigon; malŝparas tempon, makulas konsciencon kaj ofendas similulon.

Ĝustatempa parolo bona estas milda kaj alloganta por ĉiuj; vanta, tedas.



INTERNAĴO DE LA KATEDRALO

(SEGOVIA)



GALERIOJ DE LA KORTO-KATEDRALO

(SEGOVIA)

# AMBAUMANA LABORO

Ne estos por niaj legantoj sen intereso konatiĝi kun la ideoj esprimitaj pri tiu ĉi social-scienca demando, kiun pritraktas L. Katscher en sia studaĵo: «Edukado de maldekstra mano». Per senpartia esplorado (Broca, Bastian) estas pruvite, ke ĝenerale la parolcentro troviĝas en la maldekstra duono de la homa kranio. Ĉe maldekstruloj kontraŭe ĝi estas dekstre. La vundoj ĉe la maldekstra duono de kranio kaŭzas regule parolafekcion, kontraŭe la vundoj de la dekstra nur tiam, se la vundito estas maldekstrulo. Homoj, kies ambaŭ manoj estas samgrade edukitaj, havas ankaŭ efektive du centrojn de parolo. La preferado de unu mano kaŭzas ĉe pli multe da homoj fordormon de unu centro. Sed ĝi povas esti revekita kaj utiligita per eduko de la alia mano. Oni sukcesis ekzemple ĉe unu paralizito je dekstra duono de kranio rehavigi al li la perditan parolkapablon per laŭsistema skribekzercado de la maldekstra mano. Ne malpli mirinda estas alia okazo; homo, kiu de sia junaĝo havis la maldekstran brakon stumpigita, estis paralizita en sia trideka vivjaro je la dekstra flanko de la korpo kaj perdis la parolon. Sed la penplenaj skribekzercoj per la maldekstra artefarita mano tiom perfekte anstataŭis pere de la dekstra krani-duono la perditan parolkapablon de la paralizita maldekstra cerbo, ke la paciento plene reakiris ne nur la uzokapablon de sia gepatra lingvo germana, sed ankaŭ la antŭan scion de la rusa kaj franca.

Bedaŭrinde oni ofte kontraŭstaras ĉe la infanoj la uzadon de la maldekstra mano kiel malbonan kutimon, kvankam estas ja klare, ke homo kun du lertaj manoj havas multan preferecon antaŭ tiu, kiu havas nur unu manon ekzercita. Laŭ la nuna stato de aferoj havas la maldekstruloj gravan preferecon antaŭ la dekstruloj. Kun same bona rezultato, kiel la maldekstra mano estas uzata en la kirurgio, ĉe la pianludo, ĉe la maŝinskribado kaj ĉe gimnastiko, ĝi povus esti lertigita por ĉiu alispeca okupo. En la praepoko estis la ambaŭmana laboro ĉe Skitoj laŭleĝe ordonita. Nuntempe uzas la tuta japana nacio ambaŭ manojn sendistinge. La reĝino Viktorio skribis kaj desegnis per ambaŭ manoj egale bone. Menzel pentris per la dekstra je oleo kaj per la maldekstra akvarelon. Oni aljuĝas la saman lertecon al Michel Angelo, Holbein, Landseer, Leonardo de Vinci, generalo Baden Powel kaj al multe da aliaj.

La skribado per ambaŭ manoj estas la unua paŝo al ambaŭmaneco ankaŭ por aliaj laboroj. La instruado pri ĝi forigas la ĉefan kaŭzon de unuflanka teniĝo ĉe lernantoj kaj kunhelpas la egalmezuran evoluon de la korpo, cerbo kaj ceteraj punktoj de funkciado. La ekzercado de la maldekstra mano favorus ankaŭ la disvolviĝon de la maldekstra pulmo kaj okulo. Ĉe la nomita instrua metodo oni evitas la troŝarĝon de cerbo ĉe la infano kaj kaŭzas mem, en senco morala, laŭdire, favoran influon je la malfortanimaj. Cetere la evoluo de mano korespondas kun evoluo de la memoro kaj danke la rapidan perceptemon, la memorkapablon de infano ambaŭmane laboranta, estus la ĝenerala instruo faciligita. La ebleco ŝanĝi la manojn dum laboro sekvigus plibonigon de la kvalito de manufakturaĵo. Senokupeco ĉe malsano de unu mano estus en la plej oftaj kazoj evitita. Jackson esprimis la esperon, ke oni povus baldaŭ tiom perfektiĝi, ke oni povus skribi samtempe du leterojn aŭ skribi kaj desegni, entute fari duspecan laboron. La skribanto vidis stenografiiston, kiu skribis laŭ du diversaj sistemoj kaj en du lingvoj samtempe. Neniu povas al si prezenti la preferaĵojn de ambaŭmana laboro, se li mem ne estas ambaŭmanulo. Ĉar ni uzas ambaŭ piedojn, okulojn, orelojn egalmezure, ne havas bazon la rifuzado de la maldekstra mano. Tamen, la praktikaj klopodoj por eduko de la maldekstra estas en komenco. Ni citu kelke da lokoj, kie ĝi trovis jam aplikon. En Filadelfio estas deviga la edukado de ambaŭ

manoj laŭleĝe. J. Liberty Tadoł direktas de post dudekkvin jaroj artmetian lernejon vizitatan de 1200 lernantoj. Tiu ĉi metodo plibonigis rimarkinde la sintenigon, karakteron kaj animon de la infanoj. Kun granda sukceso desegnas lernantoj de la angla artinstruisto Bare sur nigra tabulo cirklojn en unu fojo alterne per unu kaj la alia mano, modeloj estas desegnataj samtempe per ambaŭ manoj, komplikitaj formoj estas returnataj kaj kopiataj ambaŭflanke por ekzercado de okulmezuro.

En Eŭropo gajnis la plej grandan meriton por la propagando de tiu ĉi movado londona lernejestro John Jackson, en kies kursoj estas instruate laŭ lia speciala metodo kaj li sukcesis enkonduki ĉi tiun instruadon en granda nombro da lernejoj. Oni observis, ke la manuskripto de la maldekstra des pli al tiu de la dekstra mano similas, ju pli juna estas la infano. Estas interese legi, ke la skribaj punlaboroj ĉe la kolegio de Eton devas esti ĉiam farataj per la maldekstra mano. En Germanujo, kie la ambaŭmana laboro estas instruata en diversaj lernejoj, laboras la metilernantoj laŭ tiu ĉi metodo per fajlilo, rabotilo, martelo k. t. p. La kursoj de prof. Simon en Konigsberg pruvis, ke la maldekstra mano estas egalmezure ekzercebla kiel la alia. Estus eraro pensi, ke oni devus komenci per ĉi tia instruado nur ĉe infanoj; kontraŭe, la lerteco de la dekstra mano faciligas la instruadon. Lernejo, kiu instruas skribi kaj kudri, taŭgas plej bone por ŝanĝi la unuflankan edukon je ambaŭmana, sed persisteco ĉe dekstrulo povas eĉ sen laŭsistema instruo lertigi la maldekstran manon.

Ni finas per vortoj de Jackson: «Oni konsideru la ĉiutagan grandan perdon je laboro de cerbo, muskolforto kaj eltrovemo, tempo kaj mono, ĝis la momento, kiam la ambaŭmana laboro ne fariĝos ĝenerala. Ni vidas klare, kiom grandaj kaj ĉiuflankaj estas la preferaĵoj de «ambidekstrio», la animaj, moralaj kaj fizikaj, por individuo same kiel por la homaro. Ni vidis, ke la forto per ĝi kreskas kaj ke ĉi tiu reformo povas esti enkondukita sen malfacilaĵoj. Ĉu la kulturnacioj ne havas devon ĉe tiaj cirkonstankoj havigi al siaj infanoj la nomitan preferaĵon laŭeble rapide kaj ĝenerale?»

Trad. *Gaertner*

## Oni ne devas kanti la dolorojn

Kanti la dolorojn estas tiel abomeninde kaj cenzurinde kiel uzi sciencon por ilin kaŭzi.

La scienco ne devas esti preta je la servo de la milito, nur pro justa kaŭzo; la poezio ne devas kanti pri militaj heroaĵoj. La scienco devas detrui kruelajn instinktojn de l'homo; la arto devas moki kaj abomenigi tiajn instinktojn.

Por protekti la malfeliĉulojn, por eviti iliajn malfeliĉaĵojn, estas laŭdinde uzi la arton raportantan doloron, la arton celantan kortuŝigi egoistojn, tiujn kiuj indiferente vidas socialajn vundojn. Sed kanti doloron pro sportemo, sen alia celo, estas kiel apliki la sciencon nur por fari malbonaĵon. Fari ĉiajn belaĵojn estas arto, kaj oni devas ripari kaj eviti doloron, sed neniam beligi ĝin.

Ankoraŭ estas pli cenzurinde kiam oni kantas pri fiktivaj doloroj. La vivo havas sufiĉajn maldolĉecojn, kial malĝojigi ĝin dum amuzaj horoj?

La naturo forgesigas dolorojn, ne ĝojojn; tial oni diras, ke kiu ajn pasinta tempo estis bona, ĉar baldaŭ oni forgesas dolorojn kaj ĉiam restas agrabla rememoro pri ĝojoj. Ne agu, do, kontraŭnature.

Ie estas abundaj la malgajaj kantoj. Ĉi tio estas eraro de la sento, estas malsano de la regiona spirito. Kaj eraro sama de l'belsento estas la inklino al taŭrludadoj kaj aliaj ludoj en kiuj popolamaso sin amuzas rigardante kiel similuloj kaj bestoj suferas, kaj ĉi tio naskas malgajajn kantojn.

La doloro estas necesa por la ĝojo, kiel la vintro por la printempo, kiel la nokto por la tago, sed ni ne kantu la doloron,

same kiel ni ne kantas malsanojn, nek malbonaĵojn, kvankam dank' al ĉi tiuj ni spertas pri la valoro de la sano kaj la bono.

Hispane verkis
*Fernando Redondo*

Tradukita de *Jesús Ramírez.*

---

# LA JUĜISTO SHEMYAK

## de Afanasev

(RUSA RAKONTO)

Iam, en lando, en regno, vivis du fratoj; unu estis riĉa kaj la alia malriĉa. Tagon, la malriĉa frato venis al la riĉa kaj petis ĉevalon al li por porti lignaĵon el arbaro. La riĉulo pruntis al li la ĉevalon. Poste li petis ankaŭ ĉevalkoliaron al li; la riĉulo neis lian lastan peton kaj furioziĝis. Tiam la malriĉulo decidis ligi la lignaĵon ĉe la vosto de la ĉevalo. Kaj li rajdis arbaron. Tiom da lignaĵo li elhakis, ke la ĉevalo apenaŭ povis treni ĝin. Li, alvenanta hejmen, malfermis la pordon, sed ne faris tion tutplene. La ĉevalo saltis internen; sed ĝia vosto detranĉiĝis.

La malriĉulo redonis al sia frato la ĉevalon sen vosto. Vidante la kripligitan ĉevalon, la riĉulo ne volis akcepti ĝin, sed li iris kun la malriĉulo ĉe la juĝiston Shemyak. La malriĉulo akompanis sian fraton pripensanta ke li suferos grandan ĉagrenon, ĉar la sentenco estos ekzilo: malriĉulo estas devigata suferi ĉion, ĉiajn malfeliĉaĵojn, tial ke li nenion povas doni.

La fratoj alvenis al la domo de riĉa kamparano kaj petis al li ke li gastigu ilin dum nokto. La kamparano regaladis la riĉulon, kaj nenion li atentis pri la malriĉulo. La malriĉulo kuŝis apud la fajrejo, rigardanta kiel ĝoje pasigis la tempon lia frato kaj la kamparano; sed li falis kaj mortigis la infaneton kiu kuŝis en la lulilo.

La kamparano decidis tiam akompani la fratojn por pledi kontraŭ la malriĉulo. Ili deiris kune, kaj la malriĉulo sekvis sian fraton kaj la kamparanon. Ili estis devigataj trairi ponton, kaj la malriĉulo pensanta ke li estos kondamnota morti, saltis de la ponto por sin mortigi. Sed sub la ponto filo banis sian malsanan patron kaj la malriĉulo falis peze sur la maljunulo kaj dronigis lin. Tiam la filo ankaŭ iris en la juĝistejon por prezenti sian denuncon kontraŭ la malriĉulo.

Ili alvenis antaŭ la tribunalo: la riĉulo sciigis ke sia frato detranĉis la voston al la ĉevalo. Dum, la malriĉulo estis envolvinta ŝtonon en sia naztuko kaj per ĝi, de post sia frato, li minacis la juĝiston, pensanta:

—Se la juĝisto kondamnus min, mi mortigus lin.

La juĝisto kredis, ke la malriĉulo proponus al li cent rublojn, se li estus pruvonta lian senkulpecon, kaj decidis ke la riĉulo restigos la ĉevalon ĉe la malriĉulo ĝis kiam denove ĝi havos voston.

Poste sin prezentis antaŭ la tribunalo la kamparano kaj li sciigis al la juĝisto, ke la malriĉulo mortigis lian fileton. Ree la malfeliĉulo minacis la juĝiston per la ŝtono envolvita en la naztuko, de post la kamparano. Ankaŭ la juĝisto kredis gajni aliajn cent rublojn ne kondamnante la malriĉulon; tial la juĝisto sentencis ke la kamparano donos sian edzinon al la malriĉulo ĝis kiam li naskos alian filon, kaj ĉi tiu naskiĝos.

La kamparano aŭdanta la sentencon diris: — Tiam restu kun ŝi kaj la infaneto.

Fine, siavice, la orfo sin prezentis antaŭ la juĝisto kaj li sciigis al li kiel la malriĉulo mortigis lian patron. Ankaŭ la malriĉulo minacis la juĝiston kiel antaŭe, kaj ankaŭ la juĝisto pensis gajni aliajn cent rublojn, kaj ordonis: «la orfo sin ĵetos de la ponto sur la malriĉulon».

La juĝisto Shemyak sendis sian serviston por peti al la malriĉulo la tricent rublojn. Tiam la malriĉulo montris al la servisto la ŝtonon per kiu li minacis la juĝiston:

—Se la juĝisto estus kondamninta min, mi estus mortinta lin per ĉi tiu ŝtono.



PREĜEJO DE L' «CORPUS CHRISTI» (ANTIKVA SINAGOGO)

(SEGOVIA)

Kiam la juĝisto aŭdis ĉi tion, krucsignis sin kaj diris:

—Dank' al Dio ke mi estis justa.

La malriĉa frato iris al la riĉa rehavigi al si la ĉevalon, laŭ la sentenco. La riĉulo ne volis doni al li la ĉevalon kaj donis al li kvin rublojn tri mezurilojn da tritiko kaj kaprinon, kaj ili repaciĝis por ĉiam.

Poste la malriĉulo vizitis la kamparanon kaj, laŭ la sentenco, petis al li la edzinon, kiu devis kunvivadi kun li ĝis kiam infano naskiĝos. Tiam la kamparano proponis al la malriĉulo aranĝi la aferon alimaniere: la kamparano estos dononta al li kvindek rublojn, unu bovinon kun ĝia bovidino, unu ĉevalinon kun ĝia ĉevalido kaj kvar mezurilojn da tritiko. La malriĉulo konsentis pri la solvo proponata.

Tuj la malriĉulo sin direktis al la domo de la orfo por trudi al li la plenumon pri la sentenco, laŭ kiu la orfo devos salti de la ponto sur la malriĉulon por mortigi ĉi tiun.

Tiam la orfo ekpensis:

—Se mi saltus sur lin, estus eble ke mi mortigus lin; sed ĉiel mi ankaŭ mortus.

Tial ankaŭ proponis al la malriĉulo solvi la aferon senriske por ambaŭ, kaj la orfo donis al li ducent rublojn, unu ĉevalon kaj kvin mezurilojn da tritiko. La malriĉulo akceptis kontente la solvon, kaj ili ĝuis longedaŭran pacon.

# Esperanta movado

*Madrido.*—La 19an de Majo, la sekretario de «Zamenhofa Federacio» faris paroladon ĉe la grava societo «Fomento de las Artes» pri la temo «Estas nepre necesa lingvo internacia, kaj solvo de la problemo per Esperanto». Multenombraj personoj aŭskultis konvinkantajn argumentojn de la oratoro. La rezultato de tiu ĉi konferenco estis: malfermo de kurso Esperanta por la nova akademia jaro; preskaŭ certe, de somera kurso, kaj fondo de fako esperanta, ĉio ĉi tio ĉe la grava societo citita.

—

*Vendrell* (Tarragona).—Je la 14.ª de Majo okazis ĉi tie la IIIª Kongreso de Tarragona Ligo Esperantista. Post la oficiala alveno, estis solena akceptado en la urbertrejo kaj sekve meso. Oni inaŭguraciis eksposicion ĉe Sporta Klubo kaj la kunvenoj okazis en ĉefa salono de la urbodomo preziditaj de D-ro José Pamies, kiu faris elokventan kaj gravan paroladon.

La kunveno esprimis unuanime la plej profundan senton pro l'morto de nia glora Majstro.

Oni voĉdonis por nomi novan komitaton kaj aklame oni nomis: Prezidanto S-ron Enrique Aguadé Parés, Prezidanto de la Grupo «Nova Semo» el *Reus;* Vicprezidanto la Prezidanton de la Grupo «Frateco» de *Vendrell;* Konsuloj, S-ron José M. Dalmaŭ, Pastro, kaj F-inon María Julivert; Sekretario, S-ron Juan Vallvé Llaval el *Reus;* Konsilantoj, S-ron José Pamiés, Pastro, el *Argentera*, kaj S-ron Pedro Aguadé el *Reus.*

Oni decidas ke la proksima Kongreso okazos en *Valls*, kaj organizi gravan ekskurson al *Riudecañas*, *Escornalbau* kaj *Argentera* la 2.an de proksima Septembro. S-ro Aguadé fermis la ĝeneralan kunvenon dankante aŭtoritatulojn pro ilia sindonemo kaj helpo.

Post festeno okazita en la teraso de la Hotelo *Comercio* oni okazigis nekrologian feston je la honoro de D-ro Zamenhof. S-ro Marcé legis verketon kantantan virtojn de nia Majstro, kiun verkis S-ro Martorell. S-ro Jané parolis je la nomo de la Grupo «Laboro kaj Kulturo», ankaŭ je la nomo de «Nova Semo» parolis S-ro Francisco Simó, Vicprezidanto de ĉi tiu Grupo. F-inoj Saavedra kaj Constanti, el *Villanueva* kaj *Vendrell* respektive, legis poeziojn esperantajn. S-ro Pedro Poch legis poezion esperantan kiun poste li tradukis katalune. S-ro Jaime Vilalta legis gravan verkon pri helpa lingvo internacia, verkita de S-ro Juan Vallvé. F-inoj Rosell kaj Julivert ankaŭ legis interesajn verkojn kaj Pastro Pamies faris belegan resumon kiun aplaŭdis pli ol 500 personoj.

Fine S-ro Enrique Aguadé paroladis bonege pri l'temo «Internacia Lingvo teorie kaj praktike». Granda ovacio estis la premio por la elokventa parolanto. Ĉi tiu provinca Kongreso estis tre granda sukceso.

En nia loka gazeto «El Raix Penades» ekaperis Esperanta fako verkita de nia entuziasma propagandisto kaj zamenhofano S-ro Guitart.

—

*Barcelona.*—Kun granda sukceso okazis la 19.an de Majo teatra vesperfesto ĉe «Barcelona Stelo».

Unue oni ludis piane uverturon; poste, la aktoraro de C. U. R. de la Distrikto VIIa, ludis komikan teatraĵon «La valizo de la onklo». Societo «Escarpindull» kantadis ĥore, kaj la Grupo donacis al ĝi silkan rubandon.

S-ro Roig, baritono, belvoĉe kantis, kaj F-inoj M. Grau, C. Navas kaj Ordaz; Sinjoroj J. Delclós, J. Guixá, P. Zarzuelo, R. Sorolla kaj E. Alba, ludis duaktan teatraĵon, komedion, originale verkita de nia kunsocietano S-ro J. Gili. S-ro Sagarra deklamis kelkajn katalunajn poeziojn.

S-ro J. Grau legis tradukon de la kataluna poezio «La Pino de Formentor». S-ro Guixa, Sekretario de la Grupo, finis la feston per parolado dankante ĉeestantaron kaj malkovrante pentraĵon de S-roj J. Iduarte kaj M. Sorolla, gviditaj de S-ro J. Turón, kaj dediĉita al la grupanoj. Poste estis balo.

«Quaderns d'Estudi» kataluna monata gazeto, kiu aperas en Barcelono, dediĉos tutan tekston de Junia numero por Esperanto — 40 paĝojn por propagando kaj 80 por «Antologio Kataluna».

Jam aperis «Kataluna Esperantisto» kaj certe de tre baldaŭ ĝi aperos tute akurate.

—

*Sabadell.*—Jen festoj kiuj okazis ĉe «Aplech Esperanta Grupo» dum Aprilo:

La 8.an, Dimanĉon, ~~posttagmeze,~~ la Infanteatroamantoj ludis teatraĵeton «Ancellets fora del niu» (Birdoj foririntaj el nesto).

La 15.an, posttagmeze, Pastro S-ro Baburés Direktoro de Meteorologia Observatorio ĉe Piaj Lernejoj faris konferencon kun lumbildoj pri «Observatorioj kaj Observantoj»; «Rilatoj kun Esperanto».

Ne estis sufiĉa la salono por tiel multenombra ĉeestantaro. La parolanto helpis sin per 60 klisaĵoj, kiujn bone kaj lerte projekciis S-ro Ullar. La konferenco estis tre interesa.

La 22.an, nokte, la aktoraro de nia Grupo ludis teatraĵon ĉe ĥora societo «Cassinet». kaj dum ĝi oni disdonis flugfoliojn okaze malfermo de novaj kursoj.

La 29.an, posttagmeze, por solenigi malfermon de novaj kursoj oni organizis propagandan feston. F-inoj A. Comas, P. Bertaán, C. Font, T. Torra kaj fraŭlineto M. Miró; S-roj N. Ullar, R. San Vicente, S. Campmajo, J. Sobré, E. Soler, R. Casas, kaj J. Olivé sukcesigis ĉi tiun feston. Dekdu virinojn kaj tridekvirojn ĉeestas kursojn, kiujn klarigas respektive S-roj N. Ullarkaj R. Casas.

—

*Baracaldo* (Bilbao).—La 19.an de Aprilo okazis en ĉi tiea Grupo nekrologia kunveno por honori D-ron Zamenhof, nian karegan kaj neforgeseblan Majstron. S-roj Ramón Reparaz, Emilio Gancedo, Eugenio Lunte kaj Constantino García faris paroladojn. Oni esprimis grandan ĉagrenon, kaŭzita de la hispana gazetaro, ĉar ĝenerale ĝi sciigis la morton de D-ro Zamenhof lakonisme, kaj tamen ĝi amplekse raportas pri toreadoroj kaj sentaŭguloj.

—

*Baltanás* (Palencia).—Ĉi tiea Grupo progresas. S-ro Sidonio Pintado, fondinto de tiu Grupo, deziras interŝanĝi opiniojn pri pedagogio, sciencoj, socialaj aferoj k. t. p., kun instruistoj alilandaj.

—

*Bilbao.*—La 19.an de Majo okazigis, ĉe la Popoldomo de ĉi tiu urbo, nekrologian kunvenon, je la honoro de D-ro Zamenhof, la Esperantista Grupo Socialista.

Oni ornamis funebre la salonon. Multenombraj personoj, speciale laboristoj, ĉeestis la kunvenon, kiun malfermis la prezidanto S-ro Jesús Iñarritu. Sekve S-ro Linacero legis verkon, plena je inspiro, de sinjoro Santamaría. S-ro Rosendo Sánchez paroladis pri nia kara Mortinto interesigante la ĉeestantaron. Poste S-ro J. Velasco legis belegan kaj bonegan soneton de li verkita hispane, titolita «Espero estas Paco». Sinjoro Larrea. klare, korekte kaj flue paroladis esperante, kaj fine oni legis verkon de S-roj José Gorostiza kaj Julián Zugazagoitia, tre interesa, kiun multe oni aplaŭdis.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid